DUMONATA BULTENO DE OKTOBRO 1946.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Tute sen dependo de partiaj agadoj.*

Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser : Om inlichten over Esperanto, men wende zich :
230, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).

## ANTAŬPAROLO

*Dum la nuna momento la Grupoj kaj la izolaj esperantistoj pensas pri nova propagando, pri malfermo de kursoj, pri intensigo de nia esperantista vivo. La Estraro de la Ligo de[illegible] helpi tiujn klopodojn.*

*La nunaj cirkonstancoj daŭre malhelpas regulan publikigon de « Belga Esperantisto » en ĝia antaŭmilita formo. Tamen niaj membroj bezonas informojn pri la Liga vivo; ili bezonas propagandan materialon; ili bezonas mallongajn kaj facilajn legaĵojn.*

*Tion la nuna* « Bulteno de Reĝa Belga Ligo Esperantista » *alportas al ili. Feliĉaj ŝanĝoj en la ekonomiaj cirkonstancoj certigas ĝian regulan aperon ĉiun duan monaton. La nuna numero estas okpaĝa. La sekvontaj estos almenaŭ kvarpaĝaj. La kresko de la monaj rimedoj, pro pligrandiĝo de la membraro, pro anoncoj k.t.p., permesos iom post iom pligrandigi la nombron de la paĝoj, ĝis kiam ni povos redoni al nia gazeto la titolon, kiun ĝi fiere portis dum tiom da jaroj :* « Belga Esperantisto ».

*Ni do faras varman alvokon AL ĈIUJ, por ke ili varbu novajn membrojn.*

*Nia ĝenerala sekretario, S-ro inĝ. Cl. Vandevelde, bonvolis preni sur sin la kunmeton de la necesa materialo. Ni petas la Grupojn sendi regule al li koncizajn informojn pri la Grupa vivo.*

La Prezidanto,
D-ro P. KEMPENEERS.

---

## LA PETSKRIBADO AL LA UNUIĜINTAJ NACIOJ

**Reĝa Belga Ligo Esperantista** sendis, ĝis nun, al **Internacia Esperanto-Ligo**, 2600 Deklarojn al O. N. U. pri instruado kaj uzado de Esperanto.

La nombro da Belgaj subskribintoj estas grava kompare al pli grandaj nacioj. Sed, kompare al landoj kun ne pli, aŭ malpli, da loĝantoj (Islando, Nederlando, Norvegujo, ...), ĝi estas malpli grava.

La rezultato en Belgujo estas atingita dank'al la diligenteco de **kelkaj** esperantist(in)oj, kiuj prenis sur sin la taskon subskribigi multajn personojn, **parolante senpere al ili. La rikolto povus fariĝi multe pli abunda se ĉiu esperantist(in)o farus same : Riveretoj faras riveregojn.** Karaj Samidean(in)oj, petu do presaĵojn, vin turnante al via Grupo : **la subskribontoj estas estontaj grupanoj.** Izoluloj, kiuj bonvolos helpi, malgraŭ malproksimeco de Grupo, skribu al Sinjoro Vandevelde, 230 Peter Benoitlaan, **Merelbeke**, kiu sendos al ili la taŭgajn presaĵojn.

**Rimarkoj :** 1. Instruistoj subskribis malpli ol instruistinoj. Jen do kampo plugota; 2. Eble oni renkontas personojn, kiuj pensas ke petskribado al O. N. U. ne estas tre utila, ĉar en tiu organizajo oni tro disputas. Sed tiu kontraŭdiro ne taŭgas, ĉar la petskribado ne estas sendota al politika fako de O. N. U.; ĝi estas destinata por speciala Komisiono pri Internacia Intelekta Kunlaboro.

## UNE ENQUETE SCIENTIFIQUEMENT MENEE

**Le Service des Sondages et Statistiques** est un organisme privé français, qui fait des enquêtes sur des sujets divers, de façon objective et scientifique. Il est totalement indépendant. Ses nombreux agents, répartis dans la France entière, interrogent des lots de personnes **directement**, c'est-à-dire sans correspondances d'aucune sorte auxquelles on néglige souvent de répondre.

Le procédé est identique à celui qui consiste à analyser un certain nombre d'échantillons d'une matière, pour contrôler sa teneur **moyenne** en une substance intéressante.

Il vient d'enquêter, dans toute la France, parmi les gens de toutes conditions, sur la question suivante : **Estimez-vous désirable que soit enseignée obligatoirement, dans les écoles de tous les pays, une langue internationale du type Espéranto ?**

Les résultats sont les suivants :

| | Oui. | Non. | Sans opinion. |
|---|---|---|---|
| Villes ... ... ... ... | 63 % | 21 % | 16 % |
| Campagnes.. ... ... | 66 % | 20 % | 14 % |
| Hommes ... ... ... | 64 % | 20 % | 16 % |
| Femmes ... ... ... | 65 % | 20 % | 15 % |

Les personnes qui ont une opinion sur cette matière, se répartissent comme suit :

| Fortune | Oui. | Non. | Age. | Oui. | Non. |
|---|---|---|---|---|---|
| Petits ... ... ... | 77 % | 23 % | 20-34 ans | 80 % | 20 % |
| Moyens ... ... ... | 77 % | 23 % | 35-54 ans | 75 % | 25 % |
| Riches ... ... ... | 70 % | 30 % | 55-70 ans | 73 % | 27 % |

Ces résultats sont renseignés dans le numéro de février 1946 de la **Revue des Sondages et Statistiques**, en dans **Franca Esperantisto** d'avril 1946.

---

## OFFICIEELE TALEN

Volgens een internationale overeenkomst, moeten de telegrammen in binnenlandschen of buitenlandschen dienst, opgesteld zijn in een der een-en-veertig officieele talen, aangeduid in de Overeenkomst, of in het Latijn of in het Esperanto, om aangenomen te worden tegen normaal tarief.

Het Charter der Vereenigde Natiën is opgesteld in vijf talen : Chineesch, Engelsch, Fransch, Russisch en Spaansch.

De Russische taal wordt geschreven en gedrukt met letterteekens die zeer verschillen van het Latijnsche alphabet.

Het zeer oud Chineesch schrift bestaat **niet** uit **letters** waarmede men woorden kan maken; het is een opeenvolging van ingewikkelde figuren; elke drukt een gedachte uit.

Om een Chineesch dagblad te kunnen lezen moet men ten minste 6.000 zulke figuren kennen; het groot woordenboek **Kang Shi** bevat 41.000 ideographische teekeningen. Het is verstaanbaar dat men geen schrijfmachien kan gebruiken om zoo iets te schrijven.

Men tracht deze **ideographie** te vervangen door een **alphabet,** dat toelaat **woorden** te schrijven, zooals ze uitgesproken worden.

Maar het Latijnsch alphabet is daarvoor onvoldoende, daar Chineesch **eenlettergrepig** is, en veel verschillende klanken eischt.

Dit nieuw alphabet bestaat uit 23 klinkers en 17 medeklinkers.

# IOM DA HISTORIO DEDIĈATA AL ESPERANTISTOJ

por ke ili konigu ĝin al neesperantanoj.

Dum pli al 150 jaroj ekvidiĝis diversaj **projektoj** pri **artefaritaj** lingvoj, ĉu ideografioj, ĉu parolotaj lingvoj, kiuj montriĝis ne taŭgaj por uzado.

En la jaro 1887 la « American Philosophical Society », kreita de Benjamin Franklin, ekzamininte kaj malaprobinte tian projekton de artefarita lingvo, pristudis regulojn por farado de artefarita lingvo :

« Elementoj ĉerpotaj el la lingvoj angla, franca, germana, hispana, itala, rusa;
» Ortografio tute fonetika;
» Gramatiko starigota laŭ tiuj de la ariaj lingvoj, **sed** tre **simpla,** laŭ la
» maniero de la gramatiko angla. »

Ne plus estis temo pri **artefarita** lingvo, sed, **laŭ la esprimo de la universitata profesoro Sätelä el Helsinki,** pri **lingvo « libere imitanta tiujn, kiuj evoluis historie ».**

Se, je sama epoko, el du malsamaj originoj eldevenas principoj novaj kaj identaj, pri grava temo, kaj se ĉiu el la du aŭtoroj estas eksciinta nenion pri la laboro de la alia, oni povas diri ke tiu samtempeco estas garantio pri la valoro de la verkaĵo.

Kiam la Amerika Societo estis jus stariginta siajn konkludojn, aperis en Warzawa broŝuro titolita (Ruslingve) : « **Lingvo Internacia; Antaŭparolo kaj kompleta lernolibro** ».

Ĝia verkinto estis juna Pola kuracisto, elektinta la kavazaŭnomon « Doktoro Esperanto »; ĝi enhavis la kompletan priskribon de la lingvo nun nomata « **Esperanto** ».

**Tio ne plu estis projekto,** ĉar Ludoviko-Lazaro Zamenhof (D-ro Esperanto), starigirite mem, sendepende de la Amerika Societo, principojn samformajn je tiuj de tiu Societo, kaj konstruinte sian lingvon laŭ **siaj** principoj, **estis provinta ĝin dum 6 jaroj per multaj tradukoj de famaj verkoj, antaŭ ol ĝin publikigi.** Tiuj provoj montris al li diversajn detalojn utile ŝanĝotajn. Tiel li povis tute delikatigi sian lingvon.

La eminenta American Philosophical Society, post detala ekzameno de la ellaboraĵo de Zamenhof, komplete aprobis ĝin.

Iom post iom Esperanto diskoniĝis en ĉiujn civilizitajn landojn de l'mondo. Ĝi havas gravan literaturon konsistantan el tradukoj de ĉefverkoj de multaj famaj aŭtoroj, el originalaj verkoj beletristikaj kaj sciencaj, el gazetoj kaj revuoj. Tiel estas pruvite ke ĝi estas taŭga por esprimi elegante ideojn plej abstraktajn kaj poezion plej delikatan.

Kiel parolata lingvo, la valoro de Esperanto estas konstatita per 30 ĉiujaraj kongresoj de esperantistoj venintaj el ĉiuj landoj de Eŭropo kaj de Ameriko, eĉ kelkaj de Azio.

En tiaj kongresoj Esperanto estas la nura uzata lingvo; ĝia kompleta taŭgeco estas ankaŭ pruvita per paroladoj de Eŭropaj, Ĉinaj kaj Japanaj specialistoj.

Kelkajn jarojn post kiam la paciencega laboro de la modesta Zamenhof donis al la Mondo Esperanton, diversaj kleruloj volis profiti tiun laboron por fari ion similan.

Aliaj volis ŝanĝi en Esperanto kelkajn formojn kiuj ne plaĉis al ili; aliaj ankaŭ celis fari lingvojn malpli ĝeneralajn, sed pli Eŭrop-Okcidentajn. Ekzistas projektoj bazitaj speciale sur unu vivanta aŭ mortinta lingvo. Sed pri gustoj ne estas disputote; tio, kio laŭ iu, estas « pli bona », estas laŭ alia persono, ne bona aŭ eĉ malbona.

« Plibone » estas ofte malutila al « bone ». Se oni atendus ĝis kiam diversaj personaj preferoj akordiĝus, oni prokrastus ĝis la tago de Sankta Neniamo, la ĝeneralan uzadon de helpa lingvo, kiun la Homaro urĝe bezonas.

**Praktike** la helpa lingvo simpla, facila, ŝatata ne nur de Eŭropanoj kaj Amerikanoj, sed ankaŭ de Azianoj, **taŭga por ĉiuj dezirataj servoj,** ekzistas kaj funkcias; ĝi, nur ĝi, havas **vastan** literaturon.

Kion oni povas deziri plie ?

Konsekvence la Kongreso de la Internaciaj Asocioj kuniĝintaj en Bruselo en la jaro 1920, esprimis la jenan deziron :

» Konsiderante la bezonon pli kaj pli gravan alpreni internacian helpan » lingvon, la Monda Kongreso de l'Internaciaj Asocioj esprimas la deziron ke » ĉiuj personoj, kiuj komprenas tiun bezonon, aliĝu, por realigi tiun grandan » progreson, al la grava movado kies celo estas diskonigi Esperanto'n, pro- » krastante ĉian plibonigon, se plibonigo estus utila, ĝis kiam la lingvo inter- » nacia helpa estos oficiale akceptita de la registaroj. »

En la jaro 1922, la Generala Kanceliaro de la Societo de Nacioj, en sia raporto A. 5 (1) 1922, atingis similan konkludon.

La Internacia Komitato por Elektroteekniko, kunveninta en Bruselo en la jaro 1935, tie decidis aldoni en sian internacian vortaron, la elektroteknikajn terminojn en Esperanto. C. V.

## EL LA MEMORAJOJ DE CARLO BOURLET

Matematikisto kaj vigla pioniro de Esperanto.

**Internationaal Congres;** commissie-zitting.

Professor S. presideert; nevens hem zetelen Professors F. en W. De Voorzitter opent de zitting en houdt een lange redevoering in het Engelsch... Daarna zwijgt iedereen... wij wachten. Professor S. zegt nog iets... nieuwe poos... Onze Voorzitter wordt ongerust; met ontevredenheid op het gelaat wendt hij zich naar Professor F. Deze zegt dan, in 't Duitsch en in 't Fransch : « Heeren, onze Voorzitter heeft, op het einde van zijn redevoering, verscheidene onzer collegas genoemd, welke hij voorstelde om beurtelings de volgende zittingen van onze commissie te presideeren, en hij vindt zonderling noch tegenstemming, noch tegenspraak op zijn voorstel te ontvangen ». Uitbarsting van schaterlachen... alle handen worden omhooggeheven.

Niemand tusschen de aanhoorders, Heer W. uitgezonderd, had de propositie verstaan. Mijn naam was voorgesteld geweest, en ik zelf had hem niet herkend, waarschijnlijk omdat hij misvormd werd door de Engelsche-Amerikaansche uitspraak.

**Congrès International;** séance plénière.

Quatre grands discours : en anglais, en allemand, en français, en italien. Les traductions de ces quatre langues furent distribuées aux auditeurs qui, par politesse, ne les lurent pas pendant que les orateurs parlaient. La situation devint tragique quand le Professeur E. discourut en italien. C'est un homme éloquent; il parle sans s'aider de notes et, par conséquent, s'écarte notablement du discours qu'il a écrit. Nous étions quatre cents, et bien peu d'entre nous savaient l'italien. Avez-vous jamais remarqué, dans un salon, le monsieur sourd qui essaie de cacher son infirmité ? Il cherche à deviner, d'après les gestes, le sujet de la conversation; ses yeux sont grands ouverts, et il sourit gentiment; de temps en temps il fait de la tête un signe affirmatif, mais toujours hors de propos.

Telle était l'attitude de presque toute l'assemblée : quatre cents sourds devant un orateur qui était seul à rire de ses traits d'esprit.

## ĈIU ESPERANTISTO DEVAS ESTI PROPAGANDISTO

Jen du simplaj rimedoj : 1° Kiam vi estas duopaj aŭ triopaj meze de publiko, interparolu en Esperanto, por ke oni aŭdu ke tiu lingvo ne estas ĥimero; 2° Havu en poŝo esperantan gazeton aŭ libron, kaj legu ĝin en vagono aŭ tramveturilo, tiamaniere ke la kunvojaĝantoj povu legi la titolon.

---

## BELGAJ LIGANOJ 1939-1940

Vi certe rimarkis ke ankoraŭ pli ol antaŭe la Mondo bezonas helpan lingvon. Helpu do la propagandon, pagante vian kotizon de 1946 al via Grupo; aŭ, se vi estas izolulo, al la poŝtĉekkonto 1337.67 (La Louvière) de B. L. E.

Kotizoj pagataj de nun valoros ĝis fino de 1947.

---

## KOMPETENTAJ ESPERANTISTOJ

Verŝajne, je tempo ne malproksima, la regnestraroj ekzamenos la temon pri helpa internacia lingvo. Kiel estas dirite en antaŭa parto de tiu Bulteno, la Deklaro al O. N. U. pri instruado kaj uzado de Esperanto havas tre gravan favoron ĉe la Islanda popolo. Sekve de tio la Islanda Esperanto-Societo « Auroro » skribis al la Ministro pri Edukado. La Ministro respondis ke la Ministraro proponus al la Parlamento ke Esperanto fariĝu deviga instrufako en Islando, se la aliaj landoj farus same.

Karaj samideanoj, subskribigu ankoraŭ multajn Deklarojn, por ke, nin apogante sur la favora opinio de **multaj Belgoj**, ni povu agi kiel la Islanda esperantistaro. Ĉiu helpu.

Por ke la registaroj interesiĝu praktike pri Esperanto, estas necese ke ili povu konstati ke grava nombro da inlandanoj uzas korekte kaj facile la helpan lingvon, skribe kaj parole. Ju pli la nombro da **kompetentaj** esperantistoj estos granda, des pli favora estos la juĝo de la Aŭtoritatuloj.

Se oni konstatus ke bruaj petantoj pri la helpa lingvo ne sufiĉe scias ĝin, la efiko estus malbona. Refreŝigu do vian scion de Esperanto, kaj kompletigu ĝin. Petu por tio konsilojn de via Grupo, aŭ de la Ĝenerala Sekretario de nia Ligo, Peter Benoîtlaan, 230, Merelbeke.

## BONA HELPANTINO

Danke al la efika perado de unu el la plej bonaj esperantistinoj el Belgujo, Sinjorino Elworthy Posenaar, el Antwerpen, la ĵurnalo « Le Matin » publikigis la statistikon, kiu estas montrata ĉe la unua paĝo de tiu ĉi Bulteno.

Samtempe kaj sampere tiu ĵurnalo aldonis kelkajn rimarkojn pri malfacilaĵoj, kiuj devenas de la diverseco de lingvoj en la Konferenco por la Paco.

En la sama gazeto (14-15 de Septembro) aperis longa verkaĵo titolita : « L'Espéranto. — Quelques voix autorisées », per kiu nia vigla pionirino montras la opinion de eminentuloj pri la taŭgeco de Esperanto.

Koran dankon al Sinjorino Elworthy. — B. L. E.

KREDO SEN AGOJ ESTAS SENVIVA KREDO : KONVINKITA ESPERANTISTO NE PRETERLASAS FAVORAN OKAZON PAROLI PRI ESPERANTO AL KONATULOJ, KAJ VARBAS ILIN AL LA MOVADO.

## OFICIALAJ INFORMOJ

La 7an de Aprilo 1946 okazis, laŭleĝe, la ĝenerala kunsido de « *Reĝa Belga Ligo Esperantista* », Asocio sen profita celo.

Pro la militaĵoj kaj postmilitaĵoj ĝi estis la unua ĝenerala kunsido de post la jaro 1939.

La bilancoj de la jaroj 1939-1945 estis do ekzamentataj kune. S-roj Boving, Everaerts kaj Swinne estis komisaroj. Post ilia favora raporto, la kunsidantoj aprobis la bilancojn kaj kvitancis la administrantojn.

Pro la postmilitaj malfacilaĵoj, la kunsidantoj unuvoĉe decidis ke la elekto de la administrantoj okazos konsiderante la Grupajn membronombrojn en la jaro 1939.

Tiel la jenaj liganoj estas elektitaj administrantoj : F-ino Jennen, S-ino Plyson, S-roj Boving, De Coster, De Mayer, Faes, Jaumotte, Kempeneers, Poupeye, Tassin, Van den Bossche, Vandevelde, Wauters.

Honoraj administrantinoj : S-ino Elworthy-Posenaer, F-ino Y. Thooris. La kunsidantoj unuvoĉe bedaŭris ke F-ino Thooris, kiu multe laboris por nia movado, nune ne povas fari sufiĉe laŭ sia opinio, kaj, pro tio, rezignis administrantan kaj estraranan postenojn.

La elektitaj komisaroj estas S-roj Alofs, Everaerts, Mathieu.

Post la ĝenerala kunsido okazis administranta kunsido por starigi la estraron, kiu, sekve, konsistas jene :

Prezidanto : D-ro P. Kempeneers, kuracisto, 19, avenue Montjoie, Uccle.

Vic-prezidantino : F-ino A. Jennen, honora lernejestrino, 72, rue d'Albanie, St-Gilles, Bruxelles.

Vic-prezidanto : S-ro M. Jaumotte, ĵurnalisto, 44, De Bruynelaan, Wilrijk.

Ĝenerala sekretario : S-ro C. Vandevelde, inĝeniero, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.

Kasisto : S-ro A. Tassin, industriisto, 1, rue St-Joseph, La Louvière (poŝt-ĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista).

Sekretario : S-ro Ch. Poupeye, juĝoregistristo, 42, Elf Julistraat, Brugge.

La kotizo por esti ano de Belga Ligo kaj samtempe de Internacia Esperanto-Ligo, estas jare 70 fr. pagotaj al la Grupo de R. B. L. E.; izoluloj povas pagi al la poŝt-ĉekkonto de la Ligo (La Louvière). Por ricevi du fojojn en jaro la Jarlibron de *Internacia Ligo*, oni pagas 40 fr. pli; por ricevi tiun libron kaj ankaŭ la monatan revuon « Esperanto-Internacia », oni pagas 100 fr.

---

## BELGA KRONIKO

**Bruĝa grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Tiu grupo estis grave trafita dum la milito. La Gestapo forrabis de ĝi la plej valoran parton de ĝia materialo, inklude ĝian belan grupan flagon kaj malpermesis ĉiun aktivecon. Plie, pro diversaj kaŭzoj, pluraj komitatanoj forlasis sian postenon, dum aliaj povis nur malmulte agi. La revigligo estis do ege malfacila. Tamen, la Komitato sukcesis organizi unuan kunvenon de la membroj, kiu okazis la 12an de Marto 1946, en la sidejo de la Koopera Societo « Eendracht-Union ». De tiam la kunvenoj okazas regule ĉiumarde, je la 20a, kaj komence de la 18a de Junio, en la antaŭmilita sidejo « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin. Bona nombro da fideluloj ilin sekvas regule, kaj espereble aliaj jam repagintaj membroj askaŭ ĉeestos de tempo al tempo. Granda parto de la membroj de 1940 jam repagis por 1946; la aliaj bonvolu ankaŭ tion fari, ĉu dum la kunvenoj, ĉu al la poŝtĉekkonto 2114.92 de Ch. Poupeye, Bruĝo. (Kotizo 70 fr., familiaj membroj 35 fr.)

Plej gravan perdon faris la grupo, pro la eksiĝo de ĝia amata Prezidantino, F-ino Yvonne Thooris. Komitata kunveno de la 23a de Julio, komprenante la gravecon de la motivoj de la eksiĝantino, nur povis akti ŝian malĝojigan decidon kaj proponis al ŝi la titolon de Honora

Prezidantino. La komitato plie elektis, kiel prezidanton, S-ron Charles Poupeye, kaj nomis S-ron Florent Verplancke kiel novan konsilanton.

Ĝi decidis organizi *novan kurson* por komencantoj; la kurso okazos ĉiumarde, je la 20a, komence de la 24a de Septembro, en « Gouden Hoorn-Cornet d'Or ». La kutima kunveno de la membroj okazos tuj post ĉiu leciono, do la saman tagon ĉirkaŭ la 21a.

Bruĝaj Grupanoj, apogu vian malnovan societon, helpu ĝin retrovi sian antaŭmilitan viglecon, *propagandu por la nova kurso*, alkonduku al ĝi novajn gelernantojn, kiuj fariĝos baldaŭ entuziasmaj samideanoj.

**Brusela Grupo Esperantista.** — La Grupo ĉesigis ĉian oficialan agadon dum la milito. Tamen la kontakto inter la membroj ne perdiĝis dank'al la Prezidantino F-ino Jennen, kiu invitis la membrojn partopreni promenadojn en la belaj regionoj de la ĉirkaŭaĵo de Bruselo. Tiuj ekskursoj okazis regule dum la tuta milito, kaj donis okazon al la Esperantistoj renkonti unu la alian, kaj konservi en la koro sian amon al nia afero.

Rapide post la liberiĝo, jam en Oktobro 1944, regulaj kunvenoj estis organizataj, kaj iom post iom la antaŭa regula vivo de la grupo restariĝis. La Estraro vigle laboris, kaj dank'al ĝiaj klopodoj, la nombro de la membroj proksimume atingas tiun de la antaŭmilitaj jaroj.

La Grupo aktive kunlaboras kun la aliaj bruselaj neneŭtralaj grupoj, por ĝeneralaj aferoj, propagando, organizo de festoj, k. c. Tiucele fondiĝis E. K. I. (Esperanta Komitato Intergrupa), kiu ĝis nun faris bonegan laboron.

La Kunsidoj okazas regule ĉiulunde, je la 20a, en la Kafejo « Aux deux Bécasses », 40, rue au Beurre, Boterstraat. Jen la programo de la venontaj kunsidoj : 30a de Septembro, S-ro Bas : la postmilita sinteno de Esperantistoj; 7a de Oktobro, S-ro Derks : temo ne konigita; 14a, S-ro Castel : Don Kihoto; 21a, F-ino Obozinski : postmilita Parizo; 28a, D-ro Kempeneers : perfektiga kurso.

Promenadoj okazos ĉiun duan dimanĉon; rendevuo je 14.30. La 13an de Oktobro : Placo Van der Kindere; la 27an de Oktobro, Berchem (Finhalto de tramoj 10 kaj 35); la 10an de Novembro, Placo Rouppe; la 24an de Novembro, Avenuo W. Churchill (Finhalto de tramo 49); la 8an de Decembro, Porto de Tervueren; la 22an de Decembro, Basiliko (Finhalto de tramo 20).

**Genta Grupo Esperantista.** — De la komenco de 1945, Genta Grupo per cirkuleroj instigis siajn antaŭajn membrojn relerni Esperanton per skribaj ekzercoj korektotaj de la Prezidanto. Tion faris kelkaj. En la tria jarkvarono komenciĝis ĉiumonataj kunvenoj, kaj kelkaj novaj lernantoj (per leteroj) fariĝis Grupanoj por la jaro 1946. Tiamaniere la nuna nombro da anoj estas sama kiel antaŭ la milito. Fakte pri kelkaj malnovuloj oni nenion plu aŭdis; « oni eĉ ne scias ĉu ili ankoraŭ vivas ».

**Namur.** — Stariĝis en Namur nova grupo, kiu aliĝis al Belga Ligo. Ĝi daŭre laboras, kaj espereble el tiu « Malnova Kerno » naskiĝos fortika arbo.

**Nivelles.** — Nia malnova amiko, Pastro De Meyer, kun granda fervoro laboras; li kreis Esperantan Grupon inter siaj lernantoj kaj eks-lernantoj. Ni deziras al li bonan sukceson.

**La Verda Stelo (Antverpeno).** — Tie ankaŭ nia movado revekiĝis. La teruraj cirkonstancoj en kiuj vivis niaj antverpenaj amikoj, post la liberiĝo, pro la V-atakoj, kaj pro la militaj cirkonstancoj, malhelpis ilin repreni pli frue la laboron. Sed ĉio permesas al ni esperi, ke tre baldaŭ la malnova Grupo « La Verda Stelo » reprenos sian lokon en nia movado. *Belga Esperanto Instituto* regule fukciis dum la okupado, kaj daŭrigas sian bonan agadon por la disvastiĝo de nia movado.

F-ino M. Jacobs, lernejestrino kaj membrino de « Verda Stelo », gvidis elementan kurson de Esperanto en la *Esperanto-Domo*, dum la pasinta vintro. La kurso estis organizita de E. K. I. (Esperanto-Komitato Intergrupa). Antwerpen; aliĝis 25 personoj.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Ch. POUPEYE, 42, Elf Julistrato, Bruĝo.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.

**KOTIZO : 70 fr. pagebla al via loka grupo aŭ al la poŝtĉekkonto 1337.67 de R. B. L. E.**